# Fenikso

**Forumo de Esperanto Nederland**

**www.esperanto-nederland.nl**

**Dumonata membrogazeto de Esperanto-Nederland**
ISSN 1384-6515

Membroj de Esperanto Nederland ricevas la gazeton; la jara kotizo estas € 30,-- (por samdomanoj € 10,--); membroj de NEJ pagas € 15,-- (ties samdomanoj € 5,--); *Fenikso* estas aparte abonebla nur por ne-membroj en eksterlando. Tarifo EUR 17,50. Por tiuj, kiuj tion bezonas, son-kasedoj kun la enhavo estas haveblaj. Informojn donas la sekretario.

**Redakcio**: <redakcio@esperanto-nederland.nl>
Gerrit Berveling
Van Vredenburgweg 435 - 2284 TA Rijswijk, Nederlando
+31 (0)70-2134914 - <gerritberveling@ziggo.nl>.

**Esperanto Publike**: Gazetartikoloj ktp estas bonvenaj ĉe la redaktoro Gerrit Berveling, same kiel informoj pri mencioj de Esperanto en radio kaj televido. Bonv. indiki detalojn.

**Lingva rubriko:**
Emiel Van Damme
Albert-I-straat 44 - BE 1703 Schepdaal, Belgio.

**Teknika redaktoro**: Eriko, Esperanto-Centro Antverpeno.

**Presado**: Flandra Esperanto-Ligo, Antverpeno.

**ESPERANTO NEDERLAND**

*Prezidanto:* vakas.

*Sekretario:* PROVIZORE uzu la adreson de Ineke Emmelkamp, Arubastraat 12, 9715 EW Groningen
Tel.: 050-57 18 842. <info@esperanto-info.nl>

*Membro-Administranto*: Remment Balk, Egeïsche-straat 42, 8303 EN Emmeloord. tel.: 0527-23 93 78; <membroj@esperanto-nederland.nl>

*Kasisto*: Wald ten Hagen, Noordeinde 27, 1141 AG Monickendam, <kasisto@esperanto-nederland.nl>.

*Bankkonto*: IBAN : NL10 TRIO 0786 8441 67 nome de ESPERANTO NEDERLAND, Monickendam; UEA-konto: esne-h.

*Informado/informmaterialo*: Ineke Emmelkamp, Arubastraat 12, 9715 EW Groningen; tel.: 050-57 18 842. <info@esperanto-info.nl>

*Studie-weekeinde*: <studosemajnfino@esperanto-nederland.nl> aŭ Ineke Emmelkamp, Arubastraat 12, 9715 RW Groningen


## Datolimo

Materialo por la venonta numero estas bonvena ĝis la komenco de decembro 2015. Sendu ĝin kiel eble plej frue, tiam vi ege helpas nin.

## ENHAVO





Foto de filo Thijs pri Antje Noordewier-Jagtenberg; vidu Nekrologon pasintnumere.

## Ĉe la frontpaĝo

Frontpaĝe ĉi-foje vi trovas bildimpreson pri DRONGO, la dutaga lingva festivalo en Utreĥto (15-26 sept 2015). Centre la agado de Profesoro Gobbo, kiu tre lerte kaj fakscie prezentis nian lingvon al la publiko. Fotojn sendis Federico Gobbo, aranĝis Madzy van der Kooij.

GB

## De via redaktoro

Ĉi-foje vi ricevos plurajn impresojn pri la DRONGO-festivalo en Utreĥto (Utrecht). Samtempe ni iom revenas ankoraŭ al la memoriga kunveno pri Hans Bakker; Ans Bakker prezentis simplan ekspozicieton pri pluraj aferoj, pri kiuj okupiĝis Hans, kelkaj parencoj vortigis memorojn pri li, kaj precipe Ans tion faris. La historia salono, kie ni kunvenis, estis en De Burcht van Berlage en Amsterdamo, loko kiun ili konis de la sindikata organizo. Mia Leterkesto ĉi-foje estas iom pli ol kutime riĉa. Legu ĝin! Nu, la ceteron vi mem vidu!

Gerrit Berveling



# DE LA ESTRARO

1] Karaj legantoj de Fenikso,
Por stimuli internaciajn kontaktojn, do unue kun la najbara samlingvujo, fine aperis komuna numero de *Fenikso* kaj *Horizon-taal.* Ne facile estis atingi tiun unuan rezulton, kaj ĝi kostis al ni la komunan lingvan rubrikon. Iom sentiĝis ankaŭ manko de interrilatigo de la temoj, sed el ĉio eblas lerni.
**La estraro de Esperanto Nederland enketas, ĉu la legantaro deziras daŭrigi per unu komuna numero jare kaj se jes, ĉu vi havas ideojn por plibonigo**. Bv reagi al ni per la adreso moerbeekr@gmail.com aŭ R. Moerbeek, Zwaansmeerstraat 48, 1946 AE Beverwijk.
Kun anticipa danko,

Rob Moerbeek

2] **Riĉa UK en Lille**
La 100a Universala Kongreso en Lille estis riĉa je programeroj. Amikaj, kulturaj, turismaj, informaj kaj ankaŭ movadaj.
Estis bele renkonti geamikojn, kiujn mi longe ne vidis. La 100a evidente logis multajn. La kultura programo estis multfaceta. Danco, muziko, teatro. La nacia vespero estis pli regiona vespero kun multa atento al Flandrio (kaj la franca, kaj la belga parto). Esperanto Nederland finance subtenis la kulturan programon de la UK. Lille mem estis granda surprizo por mi. Ĉarma urbeto (ekster la pavimoj) kun diversaj interesaj muzeoj kaj konstruaĵoj. La manĝoj estas flandraj, do ofte frititaj terpomoj! Informoj pri la kongreso dividiĝis nemaltrafeblaj tra la urbo. Kaj laste estis la laboroj kiel reprezentanto de Esperanto Nederland en la komitato.

La du komitatkunsidoj (ĉ. 7 horoj en sabato kaj vendredo) traktis la protokolon de la komitatkunsidoj en Bonaero, la jarraporton, rekomendojn el la komitataj forumoj, decidon pri la buĝeto kaj kotizo por 2016 kaj sendependiĝon de TEJO.

Kvar komitataj forumoj (ĉ. 8 horoj en lundo, mardo kaj ĵaŭdo) okazis pri Konsciigo, Kapabligo, Komunumo kaj Kunordigo. La rekomendoj el tiuj kunsidoj estis traktitaj en la vendreda komitatkunsido kaj rolos ĉe la ĉiujara adapto de la strategia plano.

**Rekomendoj pri: Konsciigo**
La Komitato de UEA:
- Petas la Estraron starigi komisionon pri informado por plivastigi ĝian laborkapablon sur ĉi tiu kampo;



- Proponas taski tiun komisionon per ellaboro de strategiaj prioritatoj kaj laborplano kiu inkluzivas i.a. jenajn aspektojn:
• Bazaj informoj en multaj lingvoj;
• Komuna informilo ellaborota de fakuloj;
• Strukturo por faciligi kaj efikigi komunajn kampanjojn;
• Trejnado pri merkatiko kaj aliaj fakaj aspektoj de informado;
kaj krome rekomendas, ke la Estraro konsulte kun la **nuna kaj nova Ĝeneralaj Direktoroj** serĉu rimedojn por dediĉi almenaŭ unu oficiston al la kampo informado, kaj esploru la eblecon de volontula trejnado kaj staĝoj pri informado en la Centra Oficejo.
- Rekomendas ke UEA kunlaboru kun TEJO kaj ILEI por rete kaj ĉeeste trejni la aktivulojn en la kampo de Eksteraj Rilatoj, i.a. kadre de la planata kunveno en Strasburgo en majo 2016.

**Rekomendoj pri: Kapabligo**
- *Aktivula trejnado*
Trovi administrajn fortojn por flegi la AMO-programon i.a. pere de asignitaj buĝetaj rimedoj.
Krei pli adekvatan retejan vizaĝon por la AMO-programo, kiu fariĝu arkivo de Seminariaj materialoj kaj laŭeble inkluzivu raportadon pri la postaj efikoj de la seminarioj.
Realigi la projekton organizi la unuan seminarion kun la celo trejni trejnistojn, ekzemple en la kadro de planata kvintaga seminario de TEJO en Italio, paskon 2016.
Surbaze de la sukcesa sperto de TEJO, UEA esploru la eblojn proponi aktivulan trejnadon interrete, ankaŭ uzante la jam disponeblajn materialojn.
- *Kunlaboro pri edukado/instruado*
Starigi pli fortajn partnerajn rilatojn kun la ĉefaj organizoj aktivaj sur la kampo de instruado: ILEI, edukado.net, lernu.net, TEJO, la ekzamenaj staboj k.a. Tio povus inkluzivi apartajn komunajn strategiojn kaj projektojn en specifaj mondopartoj, ekz. en Afriko.
Responde al la alfluo de novlernantoj per retaj kursoj, poŝtelefonaj programetoj k.s., kune kun tiuj partneroj ellabori strategion por stimuli kaj subteni plulernadon kaj enmovadiĝon, i.a. per taŭgaj retejaj rimedoj.
Doni prioritaton en la instrua kampo al la livero de kursoj konvenaj kaj allogaj por pli junaj homoj, kaj al la pristudado kaj plibonigo de kondiĉoj por memlernado flanke de pli aĝaj homoj.
- *Rimedoj*
Kreskigi la financan bazon por kapabligaj agadoj preter la nunaj buĝetaj rimedoj.

**Rekomendoj pri: Komunumo**

*- Komunaj kampanjoj kaj temjaroj*

Pretigi resuman raporton pri M 60 kaj pri la sekvontaj paŝoj rilate al la M60-retejo kaj al daŭronta kultura/scienca/eduka agado en la kadro de la kunlaboro kun Unesko.

En la jaro 2016, festi la 20an datrevenon de la Manifesto de Prago per reeldono kun aktualiga enkonduka eseo en multaj lingvoj, kunlige kun la 101a UK en Nitra kaj la tiea lingvopolitika konferenco.

Pretigi projekton por soleni tutmonde la centan datrevenon de la morto de Zamenhof en aprilo 2017, kun fokuso al lia idea kaj movada heredaĵo, en kontakto kun landaj Unesko-komisionoj kaj kun atento al ligoj kun la aktuala agadprogramo de Unesko.

*- Kongresoj*

Pretigi gvidlibron kaj taskoliston por la organizado de la kongresoj ĝis UK en Nitro, kiu inkluzivas certigon de minimuma teknika nivelo por la kongresaj salonoj, aparte por tiuj uzotaj por formalaj prelegoj kaj prezentoj.

Rete publikigi konstante ĝisdatigatan programon de la kongreso.

Kolekti pritaksojn de la kongresanoj je la fino de la kongreso, analizi ilin, kaj transdoni la konkludojn kaj rekomendojn al la organizantoj de la posta kongreso.

Prezenti al la Komitato la spezokonton de la Universala Kongreso ene de du jaroj post la fino de la UK.

*- Sciencaj, kulturaj kaj organizaj iniciatoj*

Subteni kaj stimuli komercajn kaj entreprenajn iniciatojn per Esperanto, kiel grava parto de la antaŭenigo de Esperanto kiel lingvo taŭga por ĉiuspeca komunikado inter homoj.

Rilati kun la bibliotekista grupo por ekhavi konkretan planon por la ellaboro de komuna elektronika katalogo por partoprenantaj bibliotekoj, inkluzive de Biblioteko Hodler.

Diskonigi la celojn kaj regularon de la nova subvenci-programo "Ni semas," cele al ricevo de kiel eble plej taŭgaj proponoj el kiel eble plej multaj landoj.



Fotis Federico Gobbo, aranĝis Madzy van der Kooij

*- Plifortigo de landa kaj regiona agado*

Starigi malgrandan laborgrupon, kiu pretigu konsilaron kaj donu konkretan helpon kaj gvidon al novaj landaj asocioj kaj novaj landaj movadoj, prepare al ties aliĝo al UEA.

Organize subteni la 6an Afrikan Kongreson de Esperanto (Burundo 2016), kaj kolekti aldonajn monrimedojn por sukcesigi ĝin.

**Rekomendoj pri: Kunordigo**

*- Membrosistemo kaj kotizo*

Krei komisionon por fari esploron pri alternativaj kotiz- kaj membrosistemoj por UEA, surbaze de sistemoj uzataj en aliaj neregistaraj organizoj. Inter la aspektoj esplorindaj:

- pli justa distribuo de aliĝkostoj laŭlande;
- kategorioj de membreco laŭ servoj kaj rilato kun la Asocio;
- kategorioj laŭ aĝo kaj enspezo.

La komisiono kompilu raporton, eventuale kun rekomendoj, por pritrakto en la komitata kunveno en Nitro.

*- Kreskigo de rimedoj*

Rekomendas ke la Estraro trovu novajn laborfortojn por esplori kaj rekomendi pri manieroj kreskigi la rimedojn de la Asocio, interalie:

- pliefikigo, modernigo de servoj, ekz. Libroservo;
- subvencipetado, profitante el la spertoj kaj sukcesoj de TEJO sur tiu kampo;
- donacvarbado.

*- La retejoj de UEA*

Rekomendas taski la Estraron per la verkado de gvida dokumento pri la bezonoj kaj deziroj por nova asocia retejo, cele al konkurso por la realigonto;

financado por tiu laboro venu el la rezervo kreita de la Komitato (konforme kun la atentigo de la asociaj revizoroj).

Jen la taskoj por la jaro 2015/2016. Ili estas ambiciaj kiel ĉiam. Granda novaĵo estis la informo pri la nova ĝenerala direktoro de UEA. Osmo Buller printempe 2016 emeritiĝos. Ekde tiam la Centra Oficejo devove havos virinon kiel ĝeneralan direktoron. Temas pri d-rino Veronika Poór el Hungario kiu ĝis nun tre aktivis en TEJO. Vi havos la okazon renkonti ŝin dum malfermaj tagoj.

Venontjare la 101-a UK okazos en Nitra, Slovakio, jam eblas aliĝi.

**Loes Demmendaal,**
**komitatano A por Nederlando**

3] *Het gebouw De Strubben in Schoonloo is niet meer voor het studieweekeinde beschikbaar. Er is al een ander gebouw gevonden. Maar er is nog geen definitieve afspraak.*
*Ineke Emmelkamp*



# EL MIA LETERKESTO

**En tiu ĉi parto mi kunigas kelkajn ricevitajn reagojn rekte pri nia *FENIKSO*:**

1] Unue gratulon pro la bela *Fenikso*: loga kaj lingve bona.
Rob Moerbeek.

2] Mi bone ricevis la Fenikson n-ro 5 de la 20a jarkolekto. Mi dankas vin por la belaj bildoj de la Universala Kongreso en Lille. La artikolo "Bialystok kian ni ne konas", pri la hida amasa murdo de la judaj Bjelostokanoj, krude ŝokas mian koron. La policistoj kaj la pola fervoja personaro helpis la ribelantojn kaj vandalojn mortigi kaj perforti la judajn laboristojn kaj virinojn.
korajn salutojn de Frans Cobben.

3] La nova eldono de *Fenikso* plaĉas al mi. La fotoj estas belkoloraj kaj la papero bonkvalita. En ĝi aperas pluraj interesaj artikoloj. Mi sekvis la ligilon al la *youtube* filmeto pri Svitavy. En 2013 mi partoprenis la KELI-kongreson en tiu bela urbo kaj kun ĝojo mi revidis konatajn lokojn. La varmego dum la kongreso feliĉe ne estas sentebla. Gratulon al Madzy por la fotoj.
Sincere salutas, Els van Dijk

4] Antaŭ kelkaj tagoj ni ricevis la 5an ĉi-jaran eldonon de *Fenikso*. La fotojkompilaĵo frontpaĝe estas bela enkonduko al la enhavo. Tiuj ĉi kompreneble temas i.a. pri la jubilea UK. Entute la enhavo de la numero estas varia kaj interesa. Notindas ke pluraj personoj kontribuis kaj mi esperas ke tiel estu ankaŭ estonte. Tre pozitiva novaĵo estas ke formiĝis nova teamo por la studsemajnfinoj. Marijke kaj Vinus Lathouwers povas „spiri libere". Ilia demisio ne plu turmentos ilin ĉar estas anstataŭantoj. Al la triopo Arjen-Sjoerd, Ineke kaj Lilian mi deziras plezuran kaj sukcesoplenan agadon!
Amikajn salutojn, Ans Bakker

**Jen aliaj leteroj, kiuj alvenis:**

1] Saluton karaj gesamideanoj!
Mi estas S-ro KINKANI, prezidanto de Eŭropa Afrika Solidareco kaj Angola Esperanto- Asocio.
Mi ricevis el via lando la peton de **la speciala esperantista horloĝo** de S-ro Vihelmo Vanleenhoff. Li loĝas sur la strato Poldermolen 58 NL 2317 PE Lejdeno.
Nun, mi volas scii ĉu la sendita horloĝo jam atingis lin?
Mi pardonpetas, ĉar mi ne povas rete kontakti lin, li ne metis sian retadreson en sia letero.
Ankaŭ, laŭeble mi petas vian subtenon informante aliajn esperantistojn ke ni daŭrigas la disvendadon de la specialaj horloĝoj de nia asocio kaj tiuj de la 100-a jubilea UK de Lillo.
Mi rememorigas al vi ke la profito de tiu vendado helpos nin plenumi niajn projektojn en Afriko: precipe la konstruadon de profesiaj lernejoj, kulturi moringajn arbojn kaj disvendi sunenergiojn.
Ni ekos la venontan jaron 2016 en la vilaĝo KISOBANANGA en Damba Angolo.
Kore kaj antaŭe dankas vin pro via subteno.
KINKANI, angolafernando@yahoo.fr



2] Kara KINKANI,
**Kun danko mi ricevis la horloĝon.**
Mi transpagis la monon al la bankkonto de TAKE Andre Grossmann.
Mi deziras al vi sukceson en viaj projektoj en Afriko.
Kore, Vilhelmo van Leenhoff

3] **Ne nur dum la lingva festivalo Drongo en Utrecht**, kie Esperanto Nederland havis sian informbudon, oni parolis Esperanton. **Esperanto-TV prezentas film-impresojn el Groningen**, kadre de la Eŭropa Tago de Lingvoj (26-09-2015) kun interalie mallonga fragmento de Esperantistino Marijke kiu prezentis Esperanton.
http://filmindustrio.com/…/europese-dag-van-de-talen-groni…/
Andries Hovinga

4] Vidu ankaŭ ĉi tiun videon kun Marijke. Ŝi estis **la dua persono kiu finis la kurson ĉe Duolingo**. Imagu, ke **Duolingo hodiaŭ jam havas 140.000 Eo-lernantojn**!
https://www.youtube.com/watch?v=ClKNspptp-o
Andries Hovinga

5] Mi skribis al vi je la 3/09/2015 mi tre ĝojegas ricevi vian respondon. Certe Hans Bakker estas tre meritplena persono. Dank' al li ni amikiĝas. Vi bone faris ĉeesti al la memorkunveno pri Hans Bakker en Amsterdamo. Tio montras la amon al Hans Bakker malgraŭ ke li mortis! kaj al aliaj personoj. Ĉu estis afrikaj esperantistoj kiuj ĉeestis en tiu memorkunveno?
La kealokanoj pri KEALOKO klubo en Uvira urbo Kongolando kies mi estas gvidanto, salutas vin.
Atendante vian respondon, bonvolu legi en via biblio: Sankta Johano 13 :7
Mi salutas vian familion kun HANS TEN HAGEN.
Ke Dio benu vin.
MBOMBA KULUBA AUGUSTIN
BP 6151 - BUJUMBURA BURUNDI
mbombakuluba@gmail.com

6] Saluton,
Mi estas itala esperantisto, 41 aĝa, oficisto en kultura instituto kaj mi ŝatus korespondi kun aliaj esperantistoj. Al mi plaĉas la historio kaj la lingvoj, antikvaj kaj modernaj.
Ĝis,
Ivan Orsini ivan.orsini@alice.it

7] Mia retejo (www.NLartikoloj-TRADUKtw.com) estas kelkajn tagojn ne alirebla, pro teknikaj kialoj. Venontsemajne vi povos denove aliri ĝin. Ĝi tiam estos alirebla ankaŭ per malpli longa retejnomo:
www.artikoltraduk.nl

Pri la enhavaj principoj nenio ŝanĝiĝis. Intertempe la nombro de tradukitaj artikoloj kreskis ĝis 60.
Saluton, Toon Witkam

8] Antaŭ kelka tempo Internacia Esperanto-Instituto (www.iei.nl) **transprenis la zorgon por malgranda Esperanto-monumento en la parko Bokkefort en Hago**. Antaŭe ĝin prizorgis Anneke Korfage. Nun IEI sur la fronto, kie pasas la biciklantoj kaj promenantoj, metis ŝildon kun nia retadreso kaj nia QR-kodo. (Kiam oni havas t.n. sagacan poŝtelefonon kaj oni fotografas la QR-kodon, tiam oni tuj vidas la retejon de IEI...)




La monumento fakte nur estas breto sub arbo kaj ĉe benko en la Bokkefortparko (Loosduinen). Sur la malfronto staras ''Esperanto wereldtaal'' kun adreso Riouwstraat 172 (vidu la foton).

Piet Buijnsters

## FILMETOJ RETE



1] http://www.spui25.nl/programma/item/special-lecture-by-federico-gobbo.html
Speciala prelego de profesoro Frederico Gobbo la 8an de oktobro en Amsterdamo: "An alternative globalisation, why learn Esperanto today?"

2] Mi ne certas ĉu tio daŭre funkcios:
http://www.slideshare.net/goberiko/esperanto-kiel-vivanta-lingvo

3] Entuziasma Duolingo-lernanto el Filadelfio (Usono) vizitis la standon de Esperanto Nederland ĉe la lingva festivalo Drongo en Utrecht (la 26an de septembro 2015).

Esperanto in The Netherlands, Learn - Speak - Join - Experience! (Learning with Duolingo!)
**Esperanto in The Netherlands, Learn - Speak - Join - Experience! (Learning with Duolingo!)**
Learn Esperanto in the Netherlands! http://www.esperanto-nederland.nl/esp/index.php Learn, study, sp...
https://www.youtube.com/watch?v=w4E_4cQ-wk8&feature=share




Estante ĝisosta° instruisto pri lingvoj, mi ne povas rezisti la tenton° prezenti strangan poemeton pri iu lingva problemo. Jen efektive simpla poemo, aŭ eble nur rimaĵo°, pri iu bone konata prefikso de la lingvo Esperanto. Tamen, kvankam temas pri esence° malpoezia silabo, ĝi bele inspiris la poeton **Miĥael Giŝpling** por dediĉi° al ĝi amuzan poemeton.

*tot op het bot, door en door*
*verleiding*
*rijmpje*
*wezenlijk*
*wijden*

Genia estas la prefikso mal-
De nia lingvo nepra atributo:
Ĝi diras pri dueco de la tuto,
Pri dekstra alo kaj maldekstra al',
Pri ligo inter bono kaj malbono,
Ĝoj' kaj malĝojo, belo kaj malbel'…
Nedisigeble sub komuna ŝel'
Duono kontraŭstaras al duono…
Malblanko nigras ĉe malnigra blanko,
Apudas malespero kaj esper',
Am' kaj malamo, vero kaj malver',
Kaj en la vivo ne ekzistas flanko
En kiu ĉiam nin ne akompanus
Rigardoj de la duvizaĝa Janus'.

*Geniaal is het voorvoegsel 'on-',*
*Van onze taal een onmisbaar teken:*
*Het spreekt over het tweevoud van het geheel,*
*Over linkse vleugel en rechtse vleugel,*
*Over de band tussen 't goede en 't slechte,*
*Vreugde en droefheid, schoonheid en lelijkheid…*
*Onscheidbaar onder gemeenschappelijke schaal*
*Staat één helft tegenover één helft…*
*Het on-wit is zwart naast het on-zwart wit,*
*Naast elkaar staan wanhoop en hoop,*
*Liefde en haat, waarheid en onwaarheid,*
*En in het leven bestaat niet een kant*
*Waarin ons niet steeds zouden vergezellen*
*De blikken van Janus met het dubbele gezicht.*

--------

**Pri la poeto**
Miĥael Giŝpling naskiĝis en 1924 en Irkutsk. El juda deveno°, li loĝis en Ruslando ĝis 1998, kiam li transloĝiĝis al Jerusalemo (Israelo). *van joodse afkomst*

---

**Verso 1. Genia estas la prefikso mal-**
**Genia** signifas…?
kun eksterordinaraj° kvalitoj, ege diferencaj de la normalaj. *buitengewoon*
Kio, kiu alia povas esti **genia**?
Verko, eltrovo°, poeto, pentristo… *uitvinding*
Kion esprimas la prefikso mal-?
La malon (!), la ideon logike kontraŭan al tiu, kiun montras la radiko°. *stam*
Kial ĝi estas tre utila?
Ĝi permesas formi multajn vortojn!
Kio estas vere genia, surpriziga° en tiu ideo? *verrassend*
Ke tiom simpla prefikso povas esti tia°. *zodanig*

**Verso 2. De nia lingvo nepra atributo:**
Kiel, kial prefikso povus esti atributo?
Atendu la sekvon !
Nepra=?
absolute necesa°, necesega *noodzakelijk*

**Verso 3. Ĝi diras pri dueco de la tuto,**
Dueco=?
eco° de tio, kio havas du partojn aŭ flankojn. *eigenschap*
Komparu:
*la dueco de la homo: korpo kaj spirito.*
*la dueco de bono kaj malbono.*

**Verso 4. Pri dekstra alo kaj maldekstra al',**
**Alo**=?
la nomo de ĉiu el la du flankaj elementoj de io. Kp. france *aile.*
Alo de kio, ekzemple?
birdo, konstruaĵo°. *gebouw*

**Verso 5. Pri ligo inter bono kaj malbono,**
Kio povas esti **ligo**° inter tiuj ambaŭ? *verband*
La ligo estas ke iu estas precize la malo° de la alia! *tegengestelde*
'Maleco' estas ia ligo! *tegenstelling*
Unu malo ne ekzistas sen … la alia.

**Verso 7. Nedisigeble sub komuna ŝel'**
**Nedisigeble** =?
Tiamaniere, ke nenio kapablas ilin disigi°. *scheiden*
Kial ne 'nedisigebl<u>aj</u>' anstataŭ 'nedisigebl<u>e</u>'?
adverbo de 'kontraŭstaras' en verso 8.
**Ŝelo**=?
Ekstera kovrilo de …
arboj, fruktoj, ovoj°, fromaĝoj… *eieren*
**'komuna ŝelo'** estas ĉi tie…

komuna, baza ideo; do: kategorio kun baza ideo kaj ĝia° malo. *het tegengestelde ervan*

**<u>Verso 8.</u> Duono kontraŭstaras al duono…**

Kial kontraŭstaras?

Unu esprimas la malon° de la alia. Do inter ambaŭ estas ligo, ili estas iel° reciproke° *op een of andere manier wederzijds* ligataj°. *gebonden*

**<u>Verso 9.</u> Malblanko nigras ĉe …**

**malnigra blanko,**

Jen ludo pri vortoj!

Supozeble° ambaŭ estas… grizaj? *vermoedelijk*

Ĉu tiu verso havas ian sencon°? *betekenis*

La vorto *ĉe* iel° esprimas *op een of andere wijze* ian° ligon°. *een of andere soort verband*

**<u>Verso 10.</u> Apudas malespero kaj esper',**

Denove, inter kontraŭaĵoj° *tegengestelden* estas ia ligo. Kio por unu estas la fino povas esti por la alia la … komenco.

**<u>Verso 11.</u> Am' kaj malamo,**

**vero kaj… malver'.**

Jen pliaj° maloj, kontraŭaĵoj. *verdere*

Inter **amo** kaj **malamo** oni povas tamen ankaŭ imagi nuancojn, ekzemple…

eble seninteresiĝon° aŭ indiferentecon°. *onverschilligheid*

Ĉu vere ne ekzistas ideo aŭ sento° *gevoel* sen ties malo?

Verŝajne kaj surprize° ne! *verrassend*

**<u>Verso 14</u>.Rigardoj de la duvizaĝa Janus'.**

Kiu estis tiu **Januso**?

Unu el la plej antikvaj dioj ĉe la Romanoj. Li estis gardisto° kaj ankaŭ, *bewaker* interalie°, dio de la tempo kaj de la *o.a.* pordo kie li gardas la en- kaj elirojn.

**duvizaĝa?**

Januso estas prezentata kun du vizaĝoj.

---

**<u>Pri la poemo</u>**

La poeto prezentis sian poemon sen titolo.

Kiun **titolon** ni povus elekti°? *kiezen*

Ĉu eble 'La prefikso mal-'? Estus vere stranga titolo !

Sed ĉu vere temas pri° **poemo**? *gaan over*

Laŭforme certe! Oni kalkulu la silabojn kaj la rimojn.

Kaj laŭ la enhavo°?

**Unuavide**° ne vere, certe ne *op 't eerste gezicht* ne temas pri alta inspirofonto sed, relegante, oni trovas kelkajn belajn trovaĵojn°. *vondsten*

**Ludeme**° li kondukas la leganton eĉ al *speels* la antikva roma dukapa dio por klarigi, ke ĉio ĉibase° havas sian malon, sian *hiernederwaarts* kontraŭaĵon, sian inverson°. *omgekeerd beeld*

---

**<u>Plie pri la prefikso mal-</u>**

La fama° prefikso mal- signifas la *beroemd* kontraŭaĵon de la ideo montrata en la radiko.

Observu nuancojn:

Iu situacio povas esti **neagrabla** sed ne tute **malagrabla** =?

neagrabla: sen ia agrabla trajto°. *kenmerk,trek*

malagrabla: iel agresive neagrabla.

Komparu:

malcerta kaj necerta

malcerta= tute ne certa

necerta= duba° *dubieus*

Iu povas en io progresi, ne progresi aŭ male … malprogresi°. *achteruitgaan*

N.B. Kiu ne progresas, ne necese malprogresas, sed li… stagnas.

Do temas pri la diferenco inter la **malo** de io kaj ĝia **neado**°. *de ontkenning ervan*

Jen kelkaj belaj **Zamenhofaĵoj** kun la prefikso mal-:

**1) Amiko en ĝojo kaj … malĝojo.**

Ĉu ne ĉiu amiko estas tia?

Ĉiu vera, ĝisosta° amiko, certe! *tot op het bot*

Kial tiu esprimo tamen ekzistas?

Oni kelkfoje aŭdas pri 'falsaj amikoj', do pri tiaj, kiuj…

montras amikecon nur se…

ia avantaĝo° estas esperebla. *voordeel*

**2) Amikon montras… malfeliĉo.**

Se oni ne atente legas tiun frazeton, oni miras pri ĝia signifo, kiu estas ke…

okaze de malfeliĉo oni povas taksi°,*inschatten* kiu estas vera amiko.

Kial do fakte°? *eigenlijk*

Ĉar ŝajna amiko ne interesiĝus pri malagrabla situacio de aliuloj°. *anderen*

**3) Amikon ŝatu, malamikon… ne batu°.** *slaan*

Kio do farendas° kun malamiko? *is er te doen*

Ĉiaj sugestoj tiurilataj … bonvenaj!

**4) Al la malamik' en kuro°** *op de loop*

**faru ponton° kun plezuro.** *brug*

Kial la nomita malamiko estus en kuro?

Li verŝajne fuĝas°. *vlucht*

Signifo?

Faru la neceson por ke li povu… fuĝi°. *vluchten*

Ĉu jen bona, ruza° aŭ stulta° *slim, listig; dom* konsilo?

Eble dependas, kien li kuras.

Aldone jen lernindaj **proverboj** pri '**mal**' el la kolekto de **Marjorie Boulton**, fama brita verkistino°. *schrijfster*

1) **Ni kredas mensoginton°** *wie gelogen heeft* **malsincera°**, kiam … *onoprecht*

**la diro estas tute vera.**

Notu : kredi <u>iun</u>/<u>ion</u> **<u>ia</u>°**= *zus of zo beschouwen* = kredi ke iu, io estas ia.

2) **Ĝenas° or' kaj arĝento en…** *storen*

**maltaŭga momento.**

En kia momento, ekzemple, tio okazas?

---

**<u>Plie pri 'genia'</u>** (verso 1)

**Genia** povas esti homo (pentristo, poeto, inventisto, sciencisto…) aŭ tio, kion iu genio faris, ekzemple… *kunstwerk, uitvinding, inval* verko°, eltrovo°, ekpenso°…,

Kio estas **genio**?

Instinkta, eksterordinara kapablo originale inventi, imagi aŭ krei en la … artoj, la sciencoj aŭ ankaŭ en la praktiko.

PIV: Por krei Esperanton estis necesa la **genio** de Zamenhof.

Iu povas esti ies° (mal)bona genio.=? *iemands*

Iu povas havi (mal)bonan influon sur iun alian.

Diferenco inter **genio** kaj **talento**?

La genio kreas **novajn** tipojn, metodojn, atmosferon, dum la talento agas°… *handelen* laŭ aŭ kun la **jam ekzistantaj**.

PIV: Talenton oni evoluigas per … ekzerciĝo, genio aspektas kiel pura naturdoto°. *gave*

Ĝi do ne bezonas (bezonus?) ian… ekzercadon.

---

**<u>Plie pri 'alo'</u>** (verso 4)

**Alo** estas, koncerne birdojn, la nomo de la … flugilo°. *vleugel*

Kiuj **konstruaĵoj**° ofte havas **alojn**? *gebouw*

kasteloj, muzeoj, palacoj, hospitaloj… do grandaj konstruaĵoj.

Kia fenestro havas du aŭ plurajn alojn?

duobla, triobla ktp. fenestro.

Kiu piano havas belan alon?

la **vostpiano**° *vleugelpiano*

En Esperanto oni do ne pensis pri **alo** de birdo sed pri ties **vosto**°. Kial? *staart*

Fermita; la formo de tia piano iel° similas al … *op één of andere wijze* malfaldita° birdvosto. *uitgeplooid, uitgespreid*

Kp. france: *piano à queue*

Malfermita; la klapo° similas flugilon de *klep* birdo.

La malpli kosta, normala piano havas malpli poezian, trivialan° nomon. Oni parolas *alledaags* pri **starpiano**° aŭ vertikala piano. *buffetpiano*

Ankaŭ **ventmuelilo**° havas alojn°.*(wind)molen;wiek*

En kiu lando vidiĝas multe da ili?

En Flandrio kaj Nederlando.

Krome° havas alojn ankaŭ iuj *bovendien* **semoj**°, ekz. de aceroj°. *zaadkorrels; esdoorn*

Kiucele°? *met welk doel*

por la disvastiĝo° tra la aero. *verspreiding*

Kiom da aloj havas aviadilo°? *vliegtuig*

Kio estas alo de armeo° atakita? *leger*

Armeo povus esti atakita sur sia dekstra aŭ maldekstra alo.

Atentu: **nazalo** ne estas **alo** de la **nazo**, sed… nomo de la francaj sonoj en, ekz.: *un bon grand pain brun.*

Notu bone: Por la *neusvleugel* oni parolas en E pri… **nazlobo**.

Komparu plie ndl. esprimojn:

*Iemand onder zijn vleugels nemen.*

Ŝirmi° iun (sub siaj flugiloj). *beschermen*

*Gevleugelde woorden (veelgebruikte uitdrukking).*

*Multuzataj esprimoj, parolturnoj.*

*Willen vliegen eer men vleugels heeft (iets willen doen vooraleer men het geleerd heeft.)*

*Voli flugi antaŭ ol havi flugilojn (voli fari ion antaŭ ol oni lernis tion).*

---

**<u>Pri Januso</u>**

La duvizaĝa **Januso** estis por la Romanoj la dio de la **komenco** kaj de la **fino**. Unu vizaĝo rigardas antaŭen, al la estonteco, dum la alia rigardas malantaŭen, al la pasinteco. Pro tio li estis latine nomata ***Janus bifrons.***

Kial 'bifrons'?

Li havas du frontojn°. *voorhoofd*

Ĉe la Romanoj tiu Januso rigardas al la

komenc(iĝ)o de nova jaro sed li ankaŭ ĵetas rigardon sur la finiĝintan jaron. Pro tio oni donis lian nomon al la unua monato de la jaro: januaro.
Unue la Romanoj havis jarojn de 10 monatoj. la nunaj unuaj du, **januaro** kaj **februaro**, estis aldonitaj nur poste. Januaro referencas al la romana dio **Janus** kaj februaro al la …
**febro°**, eble pli ofta en tiu monato *koorts*
de la jaro.

**En nia europa kulturo**, iu kun janus-kapo estas supozata …
hipokrita, farisea° kaj *huichelaar*
perfida°, do jen ne tro *verraderlijk*
flata° opinio ! *vleiend*

Kia estas iu kun janus-vizaĝo?
Jen iu, kiu ne estas sincera°. *oprecht*

Kial oni donis al la esprimo tiun sencon?
Ĉar li kapablas rideti unuflanke …
kaj grimaci aliflanke. Oni do neniam vere scias, kion li pensas.
Tia persono do ne estas tute… *betrouwbaar*
fidinda°.

**Zamenhof** pri dio:
**1) Dio donas al ni la nuksojn°, sed li** *noten*
**ne disrompas° ilin por ni.** *openbreken*
Ni devas mem esti aktivaj por utiligi la okazaĵojn, kiujn li laŭdire° *naar men zegt*
ofertas al ni.
**2) Dion fidu°, sed senfare ne sidu.** *vertrouwen*
Ne esperu, ke li mem faros ion por vi, sen ke vi entreprenu° ion ajn. *ondernemen*
**3) Dio donis kaj benis°, sed…** *zegenen*
**diablo forprenis.**
Laŭ Z la diablo havus pli da povo ol dio?
**4) Dion laŭdu kaj diablon aplaŭdu.**
Ĉu vere? Ĉu diablo plaĉus pli ol dio?
**5) Dio manĝon donacis, sed…**
**la dentoj agacas°.** *irriteren*
Do la kreaĵo ne estus tute perfekta?

Iom pri **dio** el populara vidpunkto:
Jen alia bone konata konsilo°: *raad*
*Help u zelf, zo helpt u god.* =?
Helpu vin mem, tiam dio helpos vin.
Alivorte? *m.a.w.*
Unue klopodu° mem anstataŭ *moeite doen*
ĝeni° aliulon°. *iemand anders lastig vallen*
Esprimo: *Leven als god in Frankrijk* (*zorgeloos*).
Vivi kiel dio en Francio (senzorge).
Vivi kiel ĉe la brusto de dio, alivorte:
Vivi senzorge, ege protektate, ŝirmate.

***Amuza kromekzerceto:***
*lerni retraduki senhezite ĉiujn*
*nederlandajn tradukaĵojn*
*en esperanton kaj uzi ilin en frazo!*

---

**Tradukekzercoj**

**Antaŭa** **1)** Nia propra feliĉo ŝajnas al ni ĉiam pli eta / malgranda ol la feliĉo de aliuloj, kaj nia propra malfeliĉo pli granda ol tiu de aliuloj. **2)** Feliĉa homo neniam demandas : pro kio mi meritas tion? **3)** Plej feliĉa estas tiu, kiu malplej ŝatas esti tia. **4)** Kiu ne kapablas ĝui la feliĉon kiam ĝi venas, ne devas plendi, kiam ĝi forlasas lin. **5)** Pri feliĉo okazas/ validas same kiel pri horloĝoj: la malplej komplikitaj /kompleksaj estas tiuj, kiuj malplej ofte paneas. **6)** La vera feliĉo kostas malmulte; se ĝi estas multekosta, ĝi ne estas el bona speco. **7)** La plejmulto el niaj malfeliĉegoj estas pli facile elporteblaj ol la komentaro/ komentoj de niaj amikoj tiurilate. **8)** Nia feliĉo dependas malpli de la cirkonstancoj ol de nia karaktero. **9)** La feliĉo estas tiom fragila, ke, nur priparolante ĝin, ni riskas ĝin perdi.

**Nova**
1) Daar komt een zwak kaarsje aan: de duisternis is al niet meer totaal.
2) Onbescheidenheid is een vreemde ziekte, ze doet iedereen walgen, maar niet de zieke.
3) Honger of passie maakt van een haas een leeuw.
4) Zelfs vrijheid is geen zegen als de buik leeg is.
5) Slecht gras vreest de vorst niet.
6) Een slechterik neemt de duivel niet.
7) Het slechte herinnert men zich voortdurend, het goede niet.
8) Wat de wet verbiedt, dat bevalt voortdurend.
9) Wat Parijs toejuicht, laakt Berlijn.
10) Wat de wijze niet begrijpt, raadt de dwaze dikwijls.

---

E. Van Damme
Albert I-straat 44, 1703 Schepdaal/B

# REVUOJ RECIVITAJ

Atingis nin ree pluraj revuoj: ***Sennaciulo***, 7-8 (1321-1322), jul-aŭg 2015: Temdosiero: Novaj situacioj ĉe politikaj partioj, 2: Usono; Kontraŭfaŝisma Agado de Stokholmo: Raporto el Roĵavo; tre pozitiva recenzo de Renato Cosetti pri *Homoj de Putin*; ***LKK (La KancerKliniko)***, nr 155, jul-aŭg-sept 2015; Bilanco pri la UK en Lillo; Ĵak Le Puil diplomita fare de UEA pro elstara agado; ***Nova Irlanda Esperantisto***, nr 130, sep-okt 2015: novaĵoj el la UK en Lillo: nova ĝenerala direktoro por UEA, pluraj diplomitaj pro elstara agado; ***La Revuo Orienta***, 7 + 8-9, nr 1122 kaj 1123: sinpresento de Veronika Poor (la nova ĝenerala direktoro de UEA, sed antaŭ tiu ĉi novaĵo); ***La Espero***, el Svedio, 2015:3, sept; pluraj raporteto pri la UK de Lillo.

# ESPERANTO PUBLIKE

1] Artikolo en *Haarlems Dagblad*: *Esperanto leeft, dankzij internet: HAARLEM - Esperanto? Bestaat dat nog? Jazeker, de taal die in de negentiende eeuw is bedacht door de Pool Ludwik Lejzer Zamenhof bestaat nog steeds.*
*Door* ***Margot Klompmaker*** *- 26-7-2015.*

2] ***Een van de laatste Zeeuwse Esperantisten*** *houdt kunsttaal levend – artikolo pri Simon Smits en PZC – 11 sept 2015*

3] **SPECIALA NUMERO DE LA REVUO "*INDECS*" DEDIĈITA AL ESPERANTO**

"The Phenomenon of Esperanto" (La fenomeno Esperanto) estas la titolo de speciala numero de la revuo "*INDECS*: Interdisciplinary Description of Complex Systems" (Interdisciplina priskribado de kompleksaj sistemoj) lastatempe eldonita en Kroatio. La kolekto, sub redakto de profesoro Humphrey Tonkin kaj doktoro Veronika Poór, estas la dua numero de volumo 13 de *INDECS* (2015).

La kolekto estas anglalingva kun resumoj en la kroata lingvo, kaj estas direktita ĉefe al fakuloj ekster la Esperanto-movado.

4] *Hierbij zend ik u mijn bijdrage* voor de rubriek Esperanto publike in Fenikso.

1. *Alkmaarsche Courant 15 augustus 2015 als Brief van de dag getiteld* ***Egmond-promotie in Esperanto.***
2. *De Geestmolen augustus 2015 een MOLENWIEKJE.*

Ans Heijstra-Valkering.

*Alkmaarsche Courant*, 15 augustus 2015

ZATERDAG 15 AUGUSTUS 2015

4 Regionaal

Op Links

Brief van de dag

**Egmond-promotie in Esperanto**

In de krant van 7 augustus lees ik dat Carla Kager van de Stichting Historisch Egmond de bedoeling heeft alle historische informatie van de Egmonden in het Duits te vertalen. De informatievoorziening is niet slechts op de bezoekers uit de regio gericht, aldus mevrouw Kager.
Waarom onderdanig zijn aan de Duitsers? Hoe lost u dat op met alle anderstaligen?
U doet hiermee Nederlanders, Russen, Fransen, Engelsen, Polen, Hongaren, Chinezen, Japanners en alle andere anderstaligen te kort.
Taal is een communicatiemiddel, met als doel elkaar te verstaan.
Esperanto, de onafhankelijke niet aan een land gebonden taal, bestaat 125 jaar en wordt over de hele wereld gesproken. De taal heeft één lidwoord, géén uitzonderingen, géén naamvallen of vervoegingen. Alle letters houden dezelfde klank. Dat kun je van andere talen niet zeggen.
Esperanto heeft meer dan 30 miljoen verwijzingen op Google, is de meest eenvoudig en logisch opgebouwde 'tweede taal voor iedereen'. Leer het in één winter en spreek op gelijk niveau (iedereen heeft het moeten leren) over wereldwijde vraagstukken tijdens het congres 2016 in Liverpool in (Engeland).
Esperanto is van niemand en dus van iedereen!
Iedere dag verdwijnt wereldwijd een taal. Met Esperanto blijven landstalen en dialecten onaangetast.
**A. HEIJSTRA-VALKERING, Heiloo**


**Molenwiekje**
Tijdens het 100e Wereldcongres
**ESPERANTO**
in juli in Lille Frankrijk,
spraken meer dan 2500 deelnemers
uit 82 landen de taal Esperanto. Zonder tolken!
Praat u mee?
Kijk op: www.Lernu.net.

## Drongo, drongado kaj drongis ni

Je la 25a kaj 26a de septembro okazis la lingva festivalo Drongo en Utrecht, en Jaarbeurs. Do temas pri Drongado fakte. La festivalo en antaŭaj jaroj estis en Amsterdamo, en la granda biblioteko, sed ĉi jare ĝi okazis en alia ĉirkaŭaĵo.
Tio signifis ke ankaŭ la publiko estis alia. Dum en Amsterdamo plejparto de la vizitantoj (ofte eksterlandaj…) venis hazarde en la bibliotekon kaj scivolis pri la budoj kiuj estis tie videblaj, nun la vizitantoj estis ofte pli informitaj kaj ankaŭ pli interesitaj pri la instruado de lingvoj. Sufiĉe ofte la vizitantoj estis studentoj pri lingvistiko. Ankaŭ la instancoj kiuj estis reprezentitaj en la halo en Jaarbeurs apartenis al plej diversaj grupoj: eldonejoj, institutoj pri plurlingvismo, konsultaj firmaoj, universitatoj, kaj oficialaj kulturaj kaj edukaj reprezentantoj (ekz. Alliance Française, Eŭropa Parlamento). Oni povis senpage eniri se oni registris sin antaŭe per interreto.
La programo de tagoj enhavis ankaŭ provlecionojn kaj prelegojn kaj en la Lingva Teraso plej diversaj prezentistoj provis kapti la atenton de aŭskultantoj (se ili ne estis ĝenataj de la bruo en la halo).
Dum la vendreda vespero sciencistoj prezentis rezultatojn de siaj esploroj en la Lingva Esplora Nokto.

La stando de Esperanto Nederland estis en la "kvartalo" en kiu ankaŭ troviĝis Taalunie, Onze Taal, Taalstudio, Alliance Française, k.s. Deĵoris pluraj membroj de Esperanto Nederland (Ineke, Bert, Andries, Federico, Ronaldo, Hiddo, Gerrit, Miko, Ans, Pieter) kaj alvenis ankaŭ aliaj Esperantistoj kiuj scivolis pri la stando kaj venis por viziti nin. Federico tuj alparolis la plejparte nederlandlingvajn vizitantojn en la internacia lingvo kaj tio plejofte bone sukcesis.
Inter tiuj kiuj venis al la stando, estis ankaŭ homoj kiuj jam komencis lerni Esperanton per interreto, ĉu per Duolingo ĉu per Lernu.net. Unu duolingo-lernanto eĉ venis el Usono por paroli Esperanton por la unua fojo kun aliaj Esperantistoj. Li venis el Filadelfio kaj entuziasme parolis kun ni en la stando. Li eĉ faris filmeton kiun li enmetis en "you tube".
Federico Gobbo kun multe da vervo prezentis Esperanton en la Lingva Teraso en vendreda posttagmezo antaŭ publiko de proks. 30 personoj. Ni ĝojas ke li post la lekcioj en Amsterdama universitato volis ankaŭ fari tiun prezenton kaj multe kontribuis al la bona etoso en la teamo.

Kion ni lernis el ĉi tiuj du tagoj?

Unue ke multaj homoj nuntempe lernas per Duolingo. Venis en vendredo preskaŭ ĉiuhore unu persono kiu tiel eklernis Esperanton. Do, oni povas kredi la aserton de la retpaĝo ke intertempe 139.000 homoj komencis lerni la internacian lingvon per tiu anglalingva metodo.
Due ke estas granda bezono je praktika uzebleco ĉe tiuj lernantoj. Ili ofte ne povas paroli la lingvon en sia ĉirkaŭaĵo kaj ŝatas renkonti spertajn geesperantojn. Eble la lokaj kluboj povas meti anoncojn en lokaj gazetoj semajnaj ke por lernantoj de Duolingo (aŭ de alia reta kurso) ekzistas la ebleco praktiki la lingvon en kunveno loka.
Trie ke la programo entenis kelkajn tre bruajn programerojn kiujn la organizantoj evitu venontfoje aŭ okazigu en alia halo.
Kvare: eble en venonta esplorista nokto ankaŭ esperantisto povos prezenti ion rilate al interlingvistiko kaj esperanto. Prefre lige kun multlingvismo kaj lernando de pluraj lingvoj.
Kun danko al la teamo kiu deĵoris en la stando.

Bert de Wit




fotoj pri Drongo de Andries Hovinga; aranĝis Madzy van der Kooij





## 80REKORDA NOMBRO DE STUDENTOJ

de Federico Gobbo

Kiam mi katedruliĝis, la 1an de Februaro 2014, mi donis kurson de Interlingvistiko al nur kvar studentoj. Falo en la nombro de la studentoj estas sufiĉe antaŭvidebla kiam estiĝas nova profesoro. Krome, estis grava lingva ŝanĝo en la lingvo de instruado. Fakte, male al mia antaŭulo, kiuj ĉiam instruis nederlande, mi instruas en la angla.

Tiu lingva ŝanĝo kompreneble ŝanĝis la publikon, ĉar la kurso estas nedeviga. Ĉiuj bakalaŭraj studentoj en la Fakultato de Humanistiko rajtas ĝin elekti, ne nur studentoj de lingvistiko.

La legantoj de la bulteno *La Amsterdama Katedro* scias, ke la sekvaj kursoj iĝis pli popularaj ol la unua: kaj la kurso de Interlingvistiko kaj tiu de Esperanto havis pli ol dek studentoj. Kadre de la Fakultato, kaj specife el la perspektivo de la instruado de la tielnomataj kleine talen (malgrandaj lingvoj), temas pri bonaj nombroj. Por kompari, la tuta studentaro de la itala lingvo estas nur la duoblo, kaj la araba, la kataluna kaj la pola ne atingas dek studentojn jare.

Ne ekzistas devigo sekvi ambaŭ kursojn de Interlingvistiko kaj Esperanto: la unua havas teorieman karakteron, dum la dua estas esence lingva kurso, kun parto dediĉita al la Esperanta kulturo. Mi konstatis, ke malmultaj sekvis ambaŭ kursojn ĝis nun, esence pro nescio de la situacio.

Pro tio la lastan akademian jaron mi kontaktis diversajn studentajn asociojn. Ĉe la Universitato de Amsterdamo, aŭ almenaŭ en la Fakultato de Humanistiko, la plejmulto de la studentoj estas membro de iu studenta asocio, normale ligita al la ĉefa studotemo de la studado mem.

Mi havis kontaktojn kun diversaj asocioj: mi prelegis ĉe *VOS*, kiu grupigas la studentojn pri lingvistiko (inkluzive de signolingvistiko) kaj *Etcetera*, kiu grupigas tiujn de anglistiko; krome, mi konis studentojn de *Helios* (nederlandistiko) kaj de *Convivio* (italistiko). Aparte sukcesa estis la evento organizita de *Etcetera* kune kun *Unquedor*, la Tolkiena nederlanda asocio, kie mi prelegis kune kun kolego pri nuntempa populara kulturo en la centra sidejo de la publika biblioteko en Amsterdamo. Tiun vesperon en salono *Doelenzaal* ĉeestis pli ol 80 homoj, inter ili multaj studentoj de la universitato.

Pro tio, mi atendis kreskon de la nombro de la studentoj de la kurso pri Interlingvistiko kiu komenciĝis en la fruaj tagoj de Septembro. Sed la rezultoj superis miajn plej optimismajn antaŭvidojn: post du semajnoj, studentoj devas findecidi kion sekvi, kaj restis 32 homoj. Tiu nombro estas absoluta rekordo: laŭ la statistikoj aperigitaj en la *La Amsterdama Katedro* n-ro 23, Septembro 2013, Interlingvistikon sekvis maksimume 15 studentoj, malpli ol duono de la ĉi-jara nombro.

La studentoj venas de diversaj fakoj: du trionoj estas nederlandanoj, kiuj studas ĝenerale anglistikon, nederlandistikon, aŭ lingvistikon, dum la alia triono estas farita de Erasmus-studentoj, alivorte nenederlandanoj kiuj studas por unu aŭ du semestroj ĉe la Universitato de Amsterdamo. Ili venas de Pollando, Hispanio, Kanado, Italio kaj Grekio.

Prof. Dr. Federico Gobbo
Amsterdam / Milano-Bicocca / Torino
http://federicogobbo.name/
skype://federicogobbo

## RECENZO

En 2001 Fonto *eldonis volumon 2 de* ***La duonkanonaj libroj****; el la greka tradukis Gerrit Berveling, ilustraĵoj de Gustave Doré.*
Tiu volumo enhavas plurajn librojn. La unuan libron, *La Saĝeco de Salomono*, tradukis D.B. Gregor; lian enkondukon iom mallongigis Gerrit Berveling. Ĝi temas i.a. pri justeco, la destino de la homoj, pri la Saĝeco en la historio de Izrael kaj Egiptujo (*Tiel! Ne "Israelo"*) kiu estas kvazaŭ mallongigo de la libro *Eliro* en la Biblio.




Multaj notoj klarigas aŭ montras ligojn al samtemaj bibliaj tekstoj.
La libro S*aĝeco de Jesus Sirah* enhavas multajn aforismojn diverstemajn, ekzemple:
Prefere iu, kiu laboras kaj havas sufiĉe da ĉio, ol iu, kiu parade promenadas kaj ne havas panon.(10:27)
Kiu malamas kalumion, tiu malpligigas la malbonon (19:6) Bato de la vipo faras striojn, sed bato de la lango rompas ostojn. Multaj falis pro la tranĉa rando de la glavo, sed ne tiom,

kiom falis pro la lango (28:17 kaj 18) Al viaj vortoj faru pesilon kun peziloj, kaj al via buŝo faru pordon kaj riglilon. Atentu, ke pro via lango vi ne falu, ke vi ne stumblu antaŭ la okuloj de via embuskanto. (28:25 kaj 26.)

La libro finiĝas per psalmo pri la Saĝeco kaj la Torao, kaj kantoj de konsolo kaj espero.

Sekvas la malgranda profeto *Baruĥ* kaj la *Letero de Jeremia*, apologia satiro kontraŭ la idoloj, kaj aldonoj al la biblia libro *Daniel*: la preĝo de Azarja en la forno kaj la kanto de la tri viroj tie (longa laŭdo al Dio), la historio de Daniel kaj Susana, kiun mi nur parte konis; i.a. Rembrandt pentris scenon "Susana en la bano," kaj aldono al la historio de Daniel kaj la drako.

Denove tre interesa legaĵo en bona traduko.

Anneke Schouten-Buys

*István Sigmond –* ***Konsilo de ateisto: Kredu je Dio****, eld. Exit, Cluj-Napoca, 2015, 191 p.*

Jen libro ne por legantoj kun malforta stomako: en pluraj mallongaj sed seriozaj ĉapitroj, sian sarkasmon elŝutas la aŭtoro – frato de nia konata Esperanto-verkistino Júlia Sigmond.




Antaŭe li aperigis amason da libroj Hungare; nun lia fratino aperigis aron da tekstoj liaj en brila traduko de la *crème de la crème* de la Hungarlingvaj Esperanto-tradukistoj. Finas la libron intervjuo kun li, *Mi vivas en la ombro de la kredo* – de Zsuzsa Demeter. En tiu konversacio la aŭtoro montras sin – mi dirus: iom speciala ateisto, ĉar "mi estas ateisto, sed mi kredas, ke oni devas kredi je Dio". Aliloke li diras "mi ne estas tia Diokredanto, mi apartenas al tiuj, je kiuj Dio kredas, kaj ne ekzistas pli granda distingo en la mondo ol tio."

En liaj rakontoj oni renkontas malgajajn bildojn, foje malicajn, foje groteskajn, pri la homa vivo. La aŭtoron okupas la groteskaj trajtoj de la mondo kaj homa naturo, la malforteco, fragileco kaj bestia malico de la homa estaĵo. Sed tamen, funde, daŭre oni malkovras, ke la homon li amas.

GB

## INVITO

### ZAMENHOFTAGO EN HAGO
### LA 12-AN DE DECEMBRO 2015

**Post la restaŭrado en 2006 de la IEI-domo en Riouwstraat 172, Hago, ni regule tie aranĝis Zamenhof-feston. En 2015 ni kunvenos sabaton la 12-an de decembro. Ĉiu esperantisto estas bonvena. Ni precipe strebas al la ebleco, ke la partoprenantoj povas paroli , paroli Esperanton.**

**Programo:**
**10.30-11.00 alveno, kafo kun kuko**
**11.00-12.00 parolado de la germano Peter Zilvar pri "La Esperanto-urbo Herzberg am Harz".**
**12.00-14.00 lunĉo en itala restoracio**
**14.00-16.00 malgrandaj programeroj, i.a. kvizo pri la Esperanto-kulturo, kuna kantado, ktp.**
**16.00-17.00 babilado kaj tempo aĉeti librojn kaj aliajn objektojn**
**17.00 adiaŭo**

**Kostoj de partopreno inkluzive la lunĉon estas 22 eŭrojn, oni pagu antaŭ la 8-a de decembro al**
**la IEI-konto NL52 INGB 0000 1626 26 je la nomo de Internacia Esperanto-Instituto, Den Haag; menciu: Zamenhoftago**

**Koran bonvenon,**
**Ed Borsboom**



## KULTURA DIVERSECO

**Edukado.net kaj Kapriol' pri la kultura diverseco**

La 30an de aŭgusto 2015 la direktoro de la paĝaro wwww.edukado.net ĉeestis la festan prezentadon de la nova KD "**Niewelnacht Lieten**" de frisa muzikgrupo Kapriol'. La kolekto entenas kantojn kaj dancmelodiojn bazitajn sur malnovaj frisaj fontoj. El ĉi tiu preskaŭ forgesita repertuaro, la grupo kreis buntajn, liberajn prilaboraĵojn el multaj muzikstiloj el diversaj regionoj kaj epokoj, kiel folko, renesanco, mezepoko, kelta epoko, popo, ktp. Kapriol' do uzas la forton de la tradicio, sed muzike ili volonte kapriolas.

En la frisa ĉefurbo Leeuwarden la disko estis prezentita antaŭ 80-100-persona publiko, inter ili ĉeestis la membroj de la alia Esperanto-frisa muzikgrupo Kajto kaj Ineke Emmelkamp el Groningen. Pri la disko la frisaj komunikkanaloj plurfoje raportis en intervjuoj kaj artikoloj kun la muzikisto. (La 28an de aŭg. en la programo Noardewyn Live inter la 15a kaj 16a h kaj la 29an de aŭg. en la programo Op en Ut inter la 11a kaj 12a h.)

Dum la muzikprogramo Katalin Kováts oficiale estis dankata fare de Kapriol', ĉar la eldonon de la disko edukado.net mone subvenciis, danke al la Grundtvig-projekto (2013-1-PL1-GRU06-38757-2), en kiu la retejo partoprenas kune kun polaj, germanaj kaj hungaraj partneroj.

Kadre de la subvenciata projekto ni entreprenis trovi rimedojn por la diskonigo kaj kreado de instrumaterialoj pri la kultura diverseco kaj multlingvismo en Eŭropo.

La trijara projektperiodo finiĝos en septembro, kaj okaze de tio la KLERIGEJO de edukado.net malfermos novan sekcion kie senpage sekveblos la kultur-kursoj, produktoj de tiu ĉi projekto. En la kursmaterialoj troveblas ankaŭ la nova disko de Kapriol', pri kies premiera prezento Katalin Kováts faris filmeton, spekteblan en la FILMEJO.



## NEKROLOGO

Forpasis la 22-an de septembro frue en la mateno **Joaquim Calado** (1926-2015).

Li estis konata kaj ŝatata Esperantisto, kiu de 1964 ĝis 1976 kaj de 1982 ĝis 1995 estis prezidanto de la 'Roterdama Esperanto-Societo MERKURIO'.

En 1966 li kunorganizis feston pro la 60-jariĝo de Merkurio kaj en 1996 li kontribuis per prelego pri la historio de Merkurio dum la festo pro la 90-jariĝo.

En la landa asocio li antaŭ jaroj plenumis estraran funkcion.

Dum longa tempo li estis ĉefdelegito de UEA por Nederlando kaj ankaŭ estis fakdelegito pri tekniko kaj tradukado (portugala/nederlanda).

Ni perdis bonan amikon, kiu kun ĉiam bona humoro kaj humure ĉeestis en niaj kunsidoj.

Piet Schuil

Facebook en twitter van Esperanto Nederland weer online.

Vanaf begin oktober 2015 worden de twitter en facebook accounts (sociale media) van Esperanto Nederland weer actief beheerd. Andries Hovinga is begonnen met zich te oriënteren op de mogelijkheden en het doorvoeren van de nodige aanpassingen.

De tweets kunt u tegenkomen op twitter onder "@EsperantoNL". Deze korte tekstjes zijn eveneens te lezen in een feed, een blokje op de hoofdpagina van onze website www.esperanto-nederland.nl. Op facebook vindt u de berichten, als u zoekt op "Esperanto Nederland". Onze vereniging zal zich officieel presenteren met een facebookpagina en verder zijn er groepen, waarin uw eigen bijdrage van harte welkom is.

Op 10 oktober 2015 wordt tijdens de gezamenlijke actiedag, als vervolg op de eerdere brainstorm-bijeenkomst, het sociale media beleid nader vorm gegeven. Andries publiceert, zodra de definitieve inrichting bekend is, meer info en de concrete adressen op de website in een volgend nummer van Fenikso en vanzelfsprekend op de sociale media zelf. Hij stelt feedback zeer op prijs, van commentaar op de inhoud en presentatie t/m de vergeten -n uitgangen en andere schrijffouten in individuele berichten. Samen zetten we Esperanto Nederland op de sociale media kaart. Ek!

Het e-mailadres van onze sociale media beheerder is:
sociaj-komunikiloj@esperanto-nederland.nl
Het telefoonnummer van Andries Hovinga is +31628916262

**Het volgende Studieweekeinde (op 4, 5 en 6 maart 2016) zal doorgaan in het Natuurvriendenhuis *Den Broam***
**Alsteedseweg 73 - 481 RT Buurse (nabij Enschede)**
**Zie verder op de website studosemajnfino@esperanto-nederland.nl**

**FENIKSO**
**20a jarkolekto, n-ro 6**
**novembro-decembro 2015**

***Eventueel retouradres:***
**Esperanto Nederland**
**Gerrit Berveling**
**Van Vredenbuchtweg 435**
**2284 TA Rijswijk**

